# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

№8(23) Aŭgusto 1975

## KONCIZA PROTOKOLO
## DE LA IX-a KONFERENCO DE SEJM-KONSILANTARO

Unua tago - 4.8.75

Teknika kunveno

B.Anoĥin - estro de la Organiza Komitato informas pri la tagordo kaj tendara disciplino.

V.Aroloviĉ - Prezidanto de SEJM prezentis al la konferencanoj la Organizan Komitaton kaj la respondeculojn pri ĉefaj tendaraj laboroj. Pro foresto de M.Bronŝtejn la tendaran programon gvidos v/poj D.Cibulevskij, N.Cvileneva, V.Ebel. Respondeculo pri metodiko de instruado estas V.Noĉovkin (Poltava).

V.Aroloviĉ en la nomo de la SEJM-Komitato malfermis la IX-an Konferencon de SEJM-konsilantaro. Li skizis la ĉefajn celojn de la Konferenco: analizi la faritan laboron, fari konkludojn kaj indiki la ĉefajn taskojn por la jubilea jaro de SEJM.

La konferencanoj honoris la memoron de la forpasinta estro de la Historia fako de SEJM J.Petrulis per minuta silento.

V.Ŝilas - SEJM-Sekretario klarigis pri voĉdonrajto dum la Konferenco kaj enmanigis mandatojn al komitatanoj, fakestroj kaj klubaj SEJM-reprezentantoj.

Dua tago - 5.8.75

Temo: RAPORTOJ DE LOKAJ SEJM-KLUBOJ

BARNAUL (V.Kazanova). La klubo enhavas 37 membrojn, 20 aktivajn. La kunvenoj estas regulaj, aparte kunvenas la kluba aktivularo, kiu planas la laboron. La ĉefaj atingoj: 36 prelegoj, 5 publikaĵoj en la loka preso, ekfunkciis korespondaj kursoj. Ni kolektas materialojn pri monumentoj al rusaj kaj sovetiaj homoj eksterlande. Negativaj flankoj: foresto de freŝaj fortoj, velkaj kunvenoj. Ĉiu klubano prenis socialismajn sindevigojn, sed rilatis al ili neserioze.

ĈELABINSK (L.Berdnikova). En la klubo - 15 personoj, 5 aktivaj. La kluba vivo stagnas pro deflankiĝo de la gvidantoj. Kunvenoj - foje en du semajnoj. Estis unu rondeto, kiun finis 7 homoj, 5 publikaĵoj en la loka preso.

DONECK (M.Belogolovskij). 13 klubanoj, 6 aktivaj. Kunvenoj - ĉiumonate. Funkcis 1 rondeto, kiun finis 10 homoj. Ni organizis unu renkontiĝon, ekkontaktis kun la loka packomitato, okupiĝas pri la historio de E-movado en Doneck, kaj pli poste en landa skalo. La laboro de la klubo ne estas bone planata, ekzistas problemo pri ejo.

ĤARKOV (E.Lupickaja). El 30 klubaj membroj aktivas 19. 3 E-kursojn finis 29 homoj, sed ne ĉiuj vizitas la klubon. Estas 100 privataj korespondligoj kun eksterlando, rilatoj kun oficialaj instancoj ne tre bonaj, sed aŭtune ni intencas plibonigi ilin.

KLAIPEDA (J.Norvilaite). 115 membroj, 40 aktivuloj. La klubo laboras laŭ la plano konfirmita de la palaco. Mankas junularo. Funkciis 3 E-kursoj - 30 finintoj. Ni organizis tradician tendaron "Girulai-75". La plej grava atingo - filokartia ekspozicio, dediĉita al la 30-a datreveno de la Venko. 420 privataj korespondligoj, 22 klubaj. Pri la agado de la klubo ofte informas eksterlanda E-radio.

KOLOMNA (V.Sokolov). Pro malbonaj laborkondiĉoj la klubo likvidis sin kaj transformiĝis je apartaj SEJM-subtenantoj.

MAĤAĈKALA (N.Monaĥova). En la klubo estas 20 membroj. La ĉefa celo - instrua laboro kaj propagando de E. Estis unu kurso - 5 finintoj. Multaj aktivuloj finis instituton kaj disveturis. En la universitato estas malfermita E-katedro tiu sama, kiu devis malfermiĝi antaŭ 5 jaroj. En kadro de ĝi instruas 3 studentoj klubanoj.

MOSKVO (V.Samodaj). La junulara sekcio ĉe MIEK konsistas el 20 personoj, aktivas 8. La ĉefa laboro - traduko de la materialoj de la 17 VLKSM-kongreso. L.Medvedev ekkontaktis kun Packomitato. Ĉe "Moscow News" estis 4 prelegoj. 3 kursoj - 8 finintoj. Klubanoj aktive partoprenas renkontiĝojn, A.Ĥarkovskij verkis libron pri V.Eroŝenko, ĝi devos aperi en 1976. Estas oftaj publikaĵoj en eksterlandaj gazetoj. Ĉe SSOD estas farita E-filmo, pri kiu oni povas informiĝi ĉe A.V.Berjoza.

MIASS (L.Novikova). La klubo havas 18 membrojn, 15 kandidatojn. Entute aktivas 20 homoj. En februaro la klubo oficialiĝis, estis organizita renkontiĝo kun aliurbanoj. Ni produktis 5 akireblajn E-emblemojn. En la loka preso aperis 3 artikoloj. Funkciis 6 rondetoj, entute ĉ. 40 kursfinintoj. L.Novikova defendis diploman laboron pri E.

NOVOSIBIRSK (N.Rebgun). La klubo estas oficiala, komuna, nombras 39 membrojn, 15 aktivajn, kunvenas foje en semajno. La kluba konsilantaro konsistas el 9 homoj. Klubanoj aktive partoprenas en E-renkontiĝoj. La klubo estas dividita je sekcioj, kiuj konkuras inter si. La historia sekcio ordigis la kluban arkivon. Precipe aktivas maljunuloj. Estis 4 E-kursoj, kiujn finis 21 personoj. La ĉefa malfacilaĵo - foresto de ejo.

OMSK (Ĥudjakova I.). El 26 klubanoj aktivas 10. La junulara sekcio konsistas el 17 homoj. Aŭtune la klubo organizis OSER. Ni aktive elpaŝas en la loka preso. Okazis 9 prelegoj, 2 E-kursoj kun 15 finintoj. La klubo faris portreton de Lunaĉarskij kun lia eldiro pri E.

POLTAVA (A.Kolesnik). La klubo funkcias en instituto ĉe la fakultato de sociaj profesioj, nombras 25 homojn, 12 aktivajn. Estis multaj prelegoj, multaj artikoloj en la loka gazetaro. Ni havas 24 ligojn kun eksterlando. Funkciis 3 rondetoj, kiujn finis 15 personoj kaj ricevis oficialajn atestojn. Okazis 3 ekspozicioj, 3 koncertoj. Ni aktive partoprenas E-renkontiĝojn.

TIĤVIN (A.Kogan). El 15 klubanoj aktivas 8. Estas 10 kursfinintoj. Ni multe prelegas pri E, eĉ en kadro de societo "Scio", organizis ekspozicion de infandesegnaĵoj dediĉitan al la 30-a datreveno, funkcias konstanta E-stando en lernejo. Estas preparitaj kelkaj mikrobendoj de libroj pri lingvaj problemoj.

TAŜKENT (E.Pervertajlo). La laboro ne estás varia. Estas 15 kursfinintoj, precipe studentoj. Kunvenoj - foje en monato, multaj aktivuloj ne vizitadas. Kun oficialaj instancoj interrilatas normale. En la klubo estas 25 membroj, 10 aktivaj.

RIGA (T.Bercis). 25 membroj en la klubo? Ĝi konsistas el laborista parto (gvidas A.Medinŝ) kaj la studenta - gvidas mi. Ni enkondukis E-on fakultative en 6 lernejoj. Multa priklubа materialo aperis en Pola Radio kaj eksterlanda gazetaro. Estas 127 personaj korespo-

ndligoj, 10 klubaj. Estas faritaj unu kursa kaj unu diploma pri-E laboroj. Bone funkciis la Korespondа fako ĉe SEJM. La klubo multe turistas kaj organizas vesperojn.

UFA (N.Cvileneva). En la klubo - 25 homoj, konstantan ejon ne havas. Funkciis 5 rondetoj, sukcese finis la laboron 3. Estas 41 kursfinintoj en rondetoj, 35 koresponde, 7 fakultative. Aperis lernolibro de B.Kolker, kantareto de D.Lukjanec. La klubo bone kontaktas kun ĝemelurbo Halle (GDR), aktive partoprenas la kampanjon "Eldonejoj", amase partoprenas renkontiĝojn, havas bonajn rilatojn kun la radio kaj televido.

Estis aldone faritaj pluraj demandoj al la raportinto.

UST-KAMENOGORSK (B.Anoĥin). 15 membroj, 10 aktivaj. La klubo estas junulara. Ĝi preparis 2 ekspoziciojn de infandesegnaĵoj, aktive partoprenis kaj organizis E-renkontiĝojn, elpaŝis en la loka preso, rezulte de kio multaj aliĝis al la korespondkurso de B.Kolker. Okazis 2 televidoelsendoj pri E kaj pri la klubo, funkciis 2 E-kursoj - 8 finintoj, estas 16 personaj korespondligoj, 4 klubaj. Ni aktive partoprenas la gazetkampanjon. Oficialaj instancoj petas eldoni broŝureton pri la 10-jara agado de la klubo.

VILNIUS (P.Jegorovas). La klubo estas junulara, enhavas 38 membrojn, 13 aktivajn. La membrokvanto ne kreskas. La klubo agas laŭ 4 fakoj, estas enkondukitaj 3 membro-kategorioj: strigo, bravulo, magistro. Estas senditaj 11 privataj, 3 klubaj leteroj al eldonejoj. La ĉefa atingo - ekzisto kiel memstara klubo, la ĉefa malfacilaĵo - nehavo de ejo. Ni aktive partoprenas renkontiĝojn. Estis 2 kursoj, 21 kursfinintoj, estas pli ol 120 ligoj kun eksterlando. Ni kolektas materialojn pri aliaj kluboj.

Sekvis kelkaj demandoj. -La informan folieton ni enkoverte sendas al oficialaj instancoj. Renkontiĝoj kun la onkla klubo estas, sed kunlaboro ne.

## RAPORTOJ DE KLUBOJ-KANDIDATOJ

SALAVAT (V.Zibenkes). La klubo funkcias kiel KID ĉe kulturpalaco, havas 12 membrojn, 7 aktivajn, estas oficialigita, havas statuton, aktive partoprenas E-renkontiĝojn kaj mem organizis REVU-10. Estis multaj artikoloj en la loka preso kaj okazis radioelsendo pri E.

TJUMENJ (V.Opletaev). En la grupo estas 5 membroj. Okazis 20 prelegoj al ĉ. 910 aŭskultantoj, la prelegoj estis akompanataj de koncertoj. Ni kunvenas 3-foje en monato, planas ekkontakti kun packomitato, sendis 17 leterojn al eldonejoj, kolektas materialojn pri N.Kuznecov.

LIEPAJA (D.Kiŝke). 13 membroj, aktivaj 7. La klubo estas junulara, kunvenas regule, aktive partoprenas E-renkontiĝojn, la kampanjon "Eldonejoj" ne partoprenis. Estas 15 kursfinintoj, 3 klubaj korespenligoj, 35 personaj. Ni kontribuas al Pola Radio. La ĉefa malfacilaĵo - foresto de libroj.

<u>Aldonaj raportoj de SEJM-kluboj</u>

IVANOVO (T.Loskutova). La klubo nobras 24 personojn, aktivajn - 15, aktive organizas kaj partoprenas E-aranĝojn, tre multe prelegas, 2 prelegoj estas faritaj eĉ por komsomolaj instancoj. Klubanoj havas 47 ligojn kun 13 landoj. Ni organizis vesperon okaze de la Internacia virintago kaj jaro de Virinoj kaj invitis eksterlandanojn. La kontaktojn kun oficialaj instancoj estas bonaj. Estis 5 kursoj kun 20 finintoj, ceteraj daŭrigas E-lernadon. 2 klubanoj vizitis Rumanion.

TULA (N.Medvedeva). El 25 membroj aktivas 15. Estis 2 kursoj kun 20 finintoj, oni presis afiŝon, aperis 2 artikoloj en lokaj gazetoj,

okazis televida sciigo pri E. La klubo organizis majan regionan renkontiĝon kaj faris amatoran filmon. La kampanjon "Eldonejoj" ne partoprenis.

Resumo de V.Arološiĉ. La laboro ne staris surloke, oni agis diversdirekte kaj interhelpe. Indas ĝojon la fakto, ke estis faritaj pluraj sciencaj studentaj laboroj pri E, kiuj estis taksitaj tre alte. Tio montras bonan prepariĝon de la aŭtoroj kaj informas pri E en instruista medio. Tiun agadon necesas daŭrigi.
Rimarko al la raportintoj: neniu proponis temon por pridiskuto kaj por la programo de la Konferenco.

RAPORTOJ DE NEALIĜINTAJ GRUPOJ

KRASNOJARSK (V.Sapoĵnikov). La klubo estas fondita fine de 1974 kaj ekzistas kiel E-sekcio ĉe KID en la universitato. La grupo estas patronata de Barnaula E-klubo, ĝi aktive partoprenas renkontiĝojn, publikigas artikolojn en studenta kaj la loka preso. En la venonta jaro ni planas organizi kelkajn rondetojn. La E-sekcio nombras 41 homojn, el ili aktivas 15-20. La tendaron partoprenas 13 personoj. La grupo havas bonajn rilatojn kun la komsomolaj instancoj kaj la fremdlingva katedro de la universitato.
Responde al demandoj de V.Arološiĉ, -Kun la SEJM-Regularo estas konataj, scias la kondiĉon por aliĝi al SEJM.
V.Ebel (Barnaul) proponas akcepti Krasnojarskon al SEJM sen kandidatiĝo sub aŭspicio de Barnaula E-klubo.
V.Ŝilas (SEJM-Sekretario) konsiderinte la prezentitan raporton de Krasnojarsk, en kiu estas respegulita la agado, kaj la perlaboritaj dum duonjaro ĉ. 500 poentojn subtenas la antaŭan proponon.
Ĉe voĉdonado Krasnojarsk per plimulto da voĉoj estas akceptita al SEJM sen kandidatiĝo.

SIZRANJ (N.Dolganova). La grupo estas filio de Ufa E-klubo, havas 15 personojn, aktivas 3. Elementan kurson finis 10 homoj. Estis prelegoj preskaŭ en ĉiu entrepreno de la urbo, 5 publikaĵoj en la loka preso. La grupo havas negrandan bibliotekon. Preskaŭ ĉiu klubano korespondas.
N.Cvileneva. -Dum la maja REVU estis renkontiĝo kun E-istoj de Sizranj, ili estas aktivaj. Estas propono kandidatigi la grupon al SEJM.
Ĉe voĉdonado la grupo estas unuanime akceptita al SEJM kandidate.

VOLGOGRAD (A.Kotelnikov). Mi fondis grupon en la pedagogia instituto, petis eksterlandajn korespondamikojn sendi leterojn al "Moscow News", faris 3 prelegojn.
Responde al D.Cibulevskij (Ĥarkov). -E-on lernis en Novoĉerkask, pri SEJM eksciis de N.Starodubcev kaj A.Rogov, estonte planas pligrandigi la grupon. Nun ĝi konsistas el 20 personoj, el ili 15 - ĉeĥoj.

Aldona raporto de klubo-kandidato

SIKTIVKAR (S.Gamzin). La klubo funkcias kiel E-sekcio en la universitata KID, enhavas ĉ. 25 homojn. Ĉi-jaran kurson finis ĉ. 15 personoj. Estis 5 prelegoj en diversaj lokoj. Estas aktivaj elpaŝoj en la radio, televido, preso. Kunvenoj okazas 2-foje en semajno.
Responde al demandoj. -Ni regule legas "Aktuale"-n en la klubo, reeĥis la peton skribi al "Moskow News".

Temo: INTERHELPO KAJ KUNLABORO DE SEJM-KLUBOJ

V.Arološiĉ. Movado ne estas mekanika sumo de aktivecoj. Unuavice nin interesas formoj de aktiveco, kiuj ne estas eblaj sen komuna agado.

V.Ebel. En "Aktuale" aperadas multaj petoj pri helpo kaj kunlaboro. Ĉu multaj kluboj reeĥas?

D.Cibulevskij. Al mia peto informi pri SEJM-delegitoj reeĥis nur 3 urboj: Soĉi, Kiev, Vilnius.

P.Jegorovas. Al nia peto pri priklubaj materialoj dume reagis nur Kiev, Rostov-Don, Viljandi.

V.Ŝilas. Helpas unue tiu, kiu iam suferis pro nehelpo. En klubo devas esti ankoraŭ iu persono krom la prezidanto, kiu atentos ĉiujn anoncojn en "A", alie oni povas malatenti gravajn petojn ktp.

M.Belogolovskij. Por evenĵuala helpo ni konstante mendas pli multe ol bezonas. Gravas ne nur materiala helpo, sed ankaŭ morala subteno. Ni ofte preferas sendi tradukindaĵojn ne al SEJM-reprezentanto, sed al pli junaj klubanoj, kiuj pli aktive kaj pli arde plenumas la peton.

A.Kogan. Pri bibliografio ne povas okupiĝi sola la gvidanto, devas esti helpantoj el ĉiu urbo. Unuavice en terminologia laboro E-istoj devas traduki teknikajn vortojn. Se disdoni al ĉiu urbo po unu litero, tiam al la venonta somero jam estus preta E-rusa politeknika vortaro. Jam konsentis Doneck kaj Barnaul.

T.Bercis. Ni kunlaboras ĉefe kun personoj el aliaj kluboj. Pri ricevo de informa kolekto reeĥas nur 4-5 kluboj.

A.Vizgirdas (Klaipeda). En nia klubo nun prezidas aĝulo, kiu ne imagas la SEJM-agadon, tial la klubo kunlaboras precipe nur kun eksterlando kaj Litovio. Kunlabore kun Riga kaj Vilnius ni aranĝis bonajn ekspoziciojn.

Neniu klubo restu indiferenta al anoncoj en "A", oni respondu almenaŭ per pk. Malmulte en kunlaboro estas uzataj la fakoj, alie estus kunlaboro en faka skalo. Sen legi "A" ne povas esti kunlaboro. Tiun kunlaboron devas instigi la komitato, memorigi per "A".

P.Jegorovas. Interhelpo devas esti ne nur materia, sed ankaŭ metodika, spertoŝanĝa, ekz. kiel skribi artikolojn, kontakti oficialajn instancojn.

V.Samodaj. Necesas peti eksterlandajn amikojn konstante guti letere al la eldonejo "Moscow News", nur tiam ĝi bonrezulte reeĥos.

V.Ebel. Al la artikola alvoko en "A" pri kunlaboro en la ST-fako Gonĉarov riĝevis nenium respondon, sed al personaj leteroj reeĥis preskaŭ ĉiuj. Ĉu personaj kontaktoj estas pli fruktodonaj?

V.Aroloviĉ. Kion ni faru por pli efika helpo: ĉu ĉesigi publikigon en "A", kaj la kluboj mem dissendu petleterojn, ĉu plialtigi poentigon pro helpo?

Kluboj vere bezonantaj helpon ne timu ĝin peti.

M.Belogolovskij. Oni malbone reeĥas la fakan laboron ĉar ĝi ne estas organiĝita. Kiam tasko estas nekonkreta, ĝi restas nereeĥata.

V.Ebel. Ĉu estis okazoj, kiam oni bezonis helpon individuan, ekzemple viziton de iu persono?

V.Ŝilas. Oni preteratentas tiun flankon, kiam kluboj helpe povas sendi personon (eble por ia entrepreno), kvazaŭ instruktoron pri movado.

V.Ebel. Ĉu oni uzu eblecojn provizore translokiĝi ĉe konvenaj cirkonstancoj el urbo kun pli forta E-movado al urbo kun la malforta? Cies opinio - nepre uzi.

V.Aroloviĉ. Oni informu la Komitaton pri oficvojaĝo por ricevi eventualan taskon.

Resuma vorto de V.Aroloviĉ. La disputo estas utila. Ni nun pli komprenis la gravecon de interhelpo kaj kunlaboro. Se iu petas helpon, ni devas pli respondece kaj atente rilati al tio. Ni nepre respondu almenaŭ letere, praktiku personajn vizitojn, interŝanĝon de sperto.

Tria tago - 6.8.75

V.Arolovič informas pri la tagordo de laboro de la Konferenco.

Temo: FAKA AGADO EN SEJM

V.Arolovič legas skriban raporton de la v/p pri faka agado en SEJM V.Laptev, en kiu tiu taksas la tutan faklaboron kaj la laboron de ĉiu fako aparte kaj prezentas siajn proponojn por ties pritakso.

V.Ŝilas. Ĉi jaro estis jaro de fakagado, sed la v/p pri fakoj laboris ne sufiĉe.

M.Belogolovskij. Estas propono fondi fakajn komisionojn. En la komisionoj devas esti reprezentantoj de regionoj. Tio estus 1)organiza komisiono, 2)komisiono pri kulturaj aferoj (poezia, kanta, traduka). Estas bezonata plano de faka laboro, fakestro devas regule raporti.

V.Ŝilas. Mem fakestro scias pri kio okupiĝi. Devas esti fakestro, kaj ĉe li - labora grupo, kiu elektu eventualan anstataŭanton.

A.Kogan. Fakaj laboroj havu unu direkton.

N.Cvileneva. Por parencaj fakoj (kanta, poezia, magnetofona) necesas komuna tasko.

V.Arolovič. Tiujn parencajn fakojn ni povus unuigi por eksperimento.

A.Kotelnikov. Ĉu eblas, ke pri ĉiu fako respondecu iu granda klubo?

Raportoj de apartaj fakoj

BIBLIOGRAFIA FAKO - informas A.Kogan.

La estro V.Cvetkova malgraŭ la malsano laboris sindone. V.Cvetkova kaj lingvisto S.Kuznecov (Moskvo) ne povas duope fini la laboron, estas bezonata helpo de moskvaj E-istoj. Nun oni povas fari nur laŭalfabetan katalogon. A.Kogan tralegis alvokon kun plano de laboro por kluboj.

V.Arolovič. Kluboj devas starigi leterkontaktojn kun V.Cvetkova.

La Konferenco unuanime taksis la laboron de la Bibliografia fako je 40 poentoj.

GAZETARA SERVO

Raporto ne estas. La gvidanto de la servo estas forveturinta al BET.

P.Jegorovas. La servo tute ne estas bezonata, ĉar multaj kluboj sendas eksterlanden siajn materialojn preter ĝi.

V.Samodaj. Tiu-ĉi servo estas bezonata por koordini sendadon de materialoj al eksterlandaj gazetoj.

V.Ŝilas. Informado al eksterlando devas rekte subiĝi al la Unua v/prezidanto.

Per plej multo da voĉoj la laboro estas taksita je 0 poentoj.

HISTORIA FAKO - informas P.Jegorovas.

J.Petrulis faris 3 grandajn laborojn: enlistigis ĉ. 2000 slipojn pri historiaj temoj, kompilis E-temaron kaj publikigis en "A", disdonis la temojn pri la historia agado de E-istoj, ankaŭ litovaaj E-temoj estas disdonitaj. Antaŭ ol dissendi la temojn k-do Petrulis konsultiĝis kun junecanoj.

La komisionon pri sistemigo de la arkivo de J.Petrulis eniris k-do A.Vaitilaviĉius, kaj la slipojn oni redonis.

V.Arolovič. Ĉu junecanoj ne pripensis anstataŭonton sur la postenon?

P.Jegorovas. Estis proponite al la Vilniusa kaj Kaŭnasa kluboj, sed dezirantoj ne troviĝis.

La laboro de la fako unuanime estas taksita per 40 poentoj.

KANTA FAKO - raportas A.Vizgirdas.
Post la 8-a SEJM-Konferenco en la klubo oni elektis por la fako kernon, kiun eniris kelkaj profesiaj muzikistoj. Oni skizis planon de la laboro. La celoj de la fako: kolekti kantojn, prilabori ilin, rekomendi al kluboj, kunligi kantemulojn, popularigi E-kantojn por konkursoj, diskonigi sovetiajn E-kantojn eksterlande, kompiladi kantarojn ktp. La fako disponas pri ĉ. 200 kantoj. Kunlabore kun la Magnetofona servo estas surbendigitaj kelkdekoj da kantoj. La fako planas en venonta jaro eldoni kantaron, per UFA sukcesis ricevi kantareton el eksterlando, nun disponas pri originalaj kantodiskoj, senditaj de aliaj kluboj. Mankoj en la laboro: ne altiris al la laboro aliajn klubojn, ne uzis la paĝojn de "A". Estonte necesas eldoni kantarojn nur kun muziknotoj, kaj sendi projekton por kontrolo kaj korekto. Dum la pasinta jaro pluraj personoj kontribuis al la fako, tial estas propono poentigi ilian kunlaboron. Klaipeda pretas daŭrigi la laboron.

V.Aroloviĉ. Kiel vi rilatas al unuigo de la Kanta, Magnetofona kaj eventuale Poezia fakoj?

B.Kolker. Eble havi artan fakon sed kelkajn respondeculojn?

A.Vizgirdas al ambaŭ demandoj respondis konsente.

V.Šilas. Dum "Muzo-74" okazis konkurso de komponistoj. Vilnius pretas en pli granda skalo daŭrigi tion.

N.Cvileneva. Tion eblas fari ankaŭ en tendaro.

B.Kolker. Organizeblas ankaŭ aliaj konkursoj: pri teksto, ktp.k

La kunlaboro de la kontribuintaj kluboj estas taksata jene: Ufa - 15 poentoj, Kolomna - 15, Barnaul - 15, Siktivkar - 15, Vilnius - 5, Klaipeda - 15. La laboron de la fako oni taksis per 30 poentoj.

KORESPONDA SERVO - informas T.Bercis.
Estis dissenditaj laŭpete 260 adresoj de ĉ. 20 landoj al 29 homoj. En "A" aperis 2 artikoloj.

D.Cibulevskij. La nombro 29 montras, ke ne ĉiuj kluboj favore rilatas al la Koresponda servo. La estro de la fako ne povis eĉ informi pri la plua sorto de la adresoj. En la kluboj devas ekzisti kontrolo pri la prenitaj adresoj.

Ĉies opinio. Indas daŭrigi en "A" la rubrikon pri korespondodeziroj, sed SEJM-reprezentantoj devas kontroli uzon de la adresoj.

Pritakso de la laboro: per plimulto da voĉoj - 30 poentoj.

~~KORESPONDA~~ LUMBILDA SERVO - raporto forestas.

V.Šilas. Estis artikolo en "A".

J.Vladimircev (Barnaul). S.Kotlarov sendis serion de lumbildoj al Barnaul, U-Kamenogorsk, Novosibirsk, Tiĥvin.

V.Ebel. Kotlarov plendis, ke kluboj ne reeĥis al lia artikolo en "A" kaj ne proponis siajn seriojn.

La laboro de la servo estas taksata per 20 poentoj.

MAGNETOFONA SERVO - informas A.Vizgirdas.
La fakestro por du monatoj militservas. A.Rogov transdonis al S.Sadauskis nek magnetofonbendojn, nek rakontis pri sia sperto. La laborkondiĉoj ne estis favoraj. Estas surbendigitaj disaŭdigoj de Pola Radio, de radioelsendoj el Zagreb, E-kantoj. Sufiĉe multaj petoj kaj mendoj venis al la servo, kaj la estro al ĉiuj reagis almenaŭ per pk. Estis kunlaboro kun la Kanta fako.

V.Aroloviĉ. Ĉu S.Sadauskis povas gvidi la fakon?

A.Vizgirdas. Jes, sed lian agadon necesas direkti.

Taksado de la laboro: per plimulto da voĉoj - 20 poentoj.

METODIKA FAKO - raporto forestas.

B.Kolker. Estis publikaĵoj en "Aktuale" kaj "Amikeco".

A.Kotelnikov. Mi ricevis de A.Rogov multan helpon, magnetofonan bendon kun metodikaj konsiloj, kantoj, citaĵoj de eminentuloj.

B.Kolker. Rogov laboras super libro pri metodika helpo kaj ĝenerale multe zorgas pri instruado.
La Konferenco taksis la laboron per 30 poentoj.

NATURAMIKA FAKO - raporto forestas.
V.Arolovič. A.Kilk organizis tendaron "E kaj naturo", dissendis invitilojn.
V.Šilas. La grupo "E kaj naturo" estas kolektiva SEJM-subtenanto kaj propagandas unuopan subtenon.
V.Arolovič. Ĉu tio estas faka laboro? Fakoj ja ekzistas por interhelpo. Kion kluboj povas ricevi de la Naturamika fako?
V.Sapoĵnikov. Mi estas biologisto sed ne kontaktis ĉi-fakon pro propra kulpo. En nia universitato certe estos firma subteno. Mi estas preta en estonto kunlabori.
B.Kolker. Ĝi estas vera fako, kaj servon ni ne povas postuli de ĝi.
A.Vizgirdas. En la revuoj "Mevo" kaj "Esperantista Vegetarano" ofte aperadis artikoloj de A.Kilk.
La laboro de la fako estas taksita je 35 poentoj.

POEZIA FAKO - informas V.Ebel.
La estro nun estas ege okupita pri sistemigo de la materialoj kaj arkivo. Ŝi faris grandan tajpan laboron kaj daŭrigas okupiĝi pri ĝi, tradukas originalaĵojn, al multaj kluboj sendis helpopetojn.
D.Cibulevskij. Ŝi kompilas ne nur tradukojn sed ankaŭ originalaĵojn, intencas ĉiumaniere multobligi ilin.
V.Ebel. Ŝi bezonas helpon de aliaj fakoj por sistemiga laboro.
V.Šilas. Ŝi multe laboras, sed ne montris sin kiel organizanto.
La laboro estas taksita je 25 poentoj.

RADIOAMATORA FAKO - raportas G.Jaskov.
Unu tagon en semajno mi dediĉas al laboro en etero. Dum la pasinta periodo mi havis 53 eterparolojn kun E-istoj el 7 landoj. Dum duonjaro mi restarigis leterkontaktojn kun eksterlando. Atingoj estas pli multaj ol en la antaŭa jaro. Kluboj nepre uzu eterkontakton por plivigligi la interrilatojn, ĝis nun aliuj kluboj al mi ne helpis. Mi povas daŭrigi la laboron ankoraŭ 2-3 jarojn, sed poste pri ĝi devos okupiĝi pli juna homo.
Demando. Kian ĝeneralan finon de via laboro vi imagas?
G.Jaskov. Ke ĉiu klubo havu eblecon veni almenaŭ al komuna stacio kaj paroli kun aliajn kluboj.
V.Šilas. Necesas, ke la rondo de radioamatoroj kresku. Jaskov faris kelkajn paŝojn en tiu direkto. Mi havas nur du eterkontaktojn.
G.Jaskov. Pasintjare mi faris kelkajn prelegojn pri E en la rusa lingvo, rakontis pri uzo de E, fine de novembro mi komencis gvidi kurson en la etero, ĝin partoprenis 7 homoj, sed ili ĉesis kontakti kiam mi postulis plenumon de kontrollaboro.
La laboro de la fako estas taksita per 30 poentoj.

TRADUKA FAKO - raportas V.Samodaj.
De mia antaŭulo mi ricevis nenion, tial ĉi-jara laboro estis nemulta. Necesus havi kontakton kun la Poezia fako. Mi faris alvokon en "A" - respondis nur ĉ. 5 kluboj. Mi volas koordini la traduklaboron. Pri la tradukkonkurso: post la publikigo en "A" de la tradukenda teksto ne ĉiuj sukcesis ĝin ĝustatempe traduki kaj faris tion ankoraŭ en la tendaro, tial la dua ŝtupo de l' konkurso forfalas. Pro tio, ke mi proponis rusan tekston, ne eblas organizi konkurson en tutsovetia skalo, mi proponas fari respublikajn konkursojn. Mi intencas daŭrigi mian laboron kaj ĉe apero de eblecoj ion eldoni ĉe SSOI.
A.Vizgirdas. Ĉu vi havis kontakton kun la Unio de sovetaj verkistoj?
V.Samodaj. Ne, mi simple petis kelkajn famajn tradukistoj, por ke ili verku bonan artikolon pri tradukado. Neniu konsentis.

A.Vizgirdas. Necesas, ke niaj sovetiaj tradukistoj almenaŭ sciu, ke ni ankaŭ tradukas kaj jam havas tradukitajn laborojn.

V.Samodaj. Mi havas proponon taksi la traduklaboron de Ufa, kiu tradukas verkojn de Ĉingiz Aĥmatov per 10 poentoj. Pri alinaciaj tradukoj la kluboj taksu mem.

B.Kolker. Devas esti koordina centro, kiu permesas aŭ malpermesas traduki, same kiel en la Tutsovetia sekio de tradukistoj. Necesas perfektigi homojn dum tradukado.

V.Samodaj. Venas diversaj tradukoj el diversaj lokoj. Eble ne necesas skribi al ĉiuj kritikajn rimarkojn, sed skribi unu artikolon, en kiu priskribi la plej ĉefajn erarojn.

E.Perevertajlo. Kantojn oni ankaŭ ne allasu sen permeso de la Traduka fako.

V.Samodaj. Pri tio okupiĝu la Poezia fako.

La traduklaboro de Ufa estas taksita per 10 poentoj, de la fako - per 20 poentoj.

Raporto: TALGAR (G.Gercikov). La klubo havas 10 membrojn. Aperis kelkaj E-standoj, E-insignoj, kelkaj artikoloj en la loka preso en la rubriko "Leteroj de amikoj". Estas korespondligoj kun kelkaj landoj, unu ligo kun la komunista gazeto de Aŭstrio. Estas senditaj 21 leteroj al eldonejoj kaj ricevitaj 16 respondoj.

Temo: REGIONAJ KAJ SOMERAJ RENKONTIĜOJ KAJ ILIA ORGANIZO

V.Arolović laŭtlegas raporton de v/p pri renkontiĝoj, en kiu temas pri la programo de SEJT-17, regionaj renkontiĝoj kaj pri disciplino de aliĝo al la tendaro, pri kvanto de komencantoj en tendaro.

T.Bercis. Kelkaj ne sciis pri ebleco partopreni.

P.Jegorovas. Ekstremokaze necesas informi pri malfruiĝo.

V.Arolović. Por malfruiĝintoj eblas plialtigi la aliĝkotizon.

V.Zibenkes. Mi ne konsentas kun limigo de partoprenkvanto por komencantoj, necesas, ke pli multe da ili partoprenu tendaron.

V.Bingelis(Vilnius). La demandojn por pridiskuto en regionaj renkontiĝoj estas dezirinde havi pli frue aŭ oni aperigu ilin en "A".

V.Silas. En "A" oni publikigu ĉiujn temojn, kaj la organizantoj mem elektu kaj dissendu al la partoprenontoj.

V.Ebel. Ofte estas tiaj demandoj, kiajn ne indas diskonigi al vasta legantaro en "A".

PROGRAMO DE SEJT-17

Estas klarigataj kelkaj demandoj pri la programo de la tendaro, venis novaj proponoj. La programo estas akceptita kiel bazo per plimulto da voĉoj. La Konferenco komisiis al larespondeculoj prepari kaj finpretigi la programon kun eventualaj ŝanĝoj.

Elekto de tendara estraro

En la Tendaran Komitaton oni elektas reprezentantoj de la SEJM-Komitato, Klubo Mastro, SEJM-aktivuloj: D.Cibulevskij, V.Ebel, N.Cvileneva, B.Anoĥin, B.Panjŝin (U-Kamenogorsk), R.Citlau (U-Kamenogorsk), L.Brjuĥanova (U-Kamenogorsk), A.Gonĉarov (Barnaul), E.Perevertajlo.

Kvara tago - 7.8.75

AKCEPTO DE SEJT-REGULARO

La projekto estas akceptita kiel bazo. Plu okazas pridiskuto laŭ punktoj. Per la plejmulto da voĉoj la projekto kun enmetitaj ŝanĝoj estas akceptita.

Temo: LERNEJA AGADO

Informas M.Belogolovskij.
Pro malsano N.Starodubcev ne sukcesis pretigi raporton. Li abonigis al pli ol 100 ekz. de "Juna amiko", 10 ekz. de "Internacia pedagogia revuo", konstante kontaktis kun la estraro de ILEI, elpaŝis sur la paĝoj de "A". Starodubcev dissendis enkedojn pri instruado en lernejoj al ĉiuj kluboj, sed multaj kluboj ne respondis. Li bezonas helpantojn.

V.Bingelis. Ĉu estas donitaĵoj pri instruado en lernejoj.

M.Belogolovskij. Estas ricevitaj, sed ne pretaj.

P.Jegorovas. El 43 instruistoj ricevintaj enkedon reeĥis nur 2. Estis dissendita la alvoko de J.Palu.

T.Bercis. Mi vizitis helpanton de la estro de Latvia kleriga fako en Ministerio. Estis notita tago de kunveno de lernejdirektoroj, dum ĝi okazis prelego pri E. Enkonduko de fakultativa E-o dependis de rilato al E de direktoroj mem.

M.Belogolovskij. Mi proponas poentigi ekzameniĝon ĉe la Tartua universitato.

V.Bingelis. Ne indas organizi kursojn en apartaj lernejoj. Prefere estu 1-2 kursoj por ĉiuj lernantoj en la urba skalo.

D.Cibulevskij. Tre gravas informado pri E inter lernejanoj. Gravasvojaĝoj de lernantoj tra sovetiaj urboj (ekz. kiel la grupo el la latvia urbo Aluksne). Pri tio devas zorgi gvidantoj de E-grupetoj.

Temo: EKSTERLANDAJ RILATOJ DE SEJM

Raportas Unua v/p de SEJM D.Cibulevskij.
Mi restarigis kontaktojn kun Hungario, Bulgario, Japanio kaj Pollando, rezulte sovetiaj E-istoj eventuale partoprenus septembre en laborbrigado en Bulgario, aperigis en "A" artikolon pri SEJM-delegitoj, ricevis inviton de MIEK por renkontiĝo kun usonaj E-istoj, tie estis levita demando pri membriĝo al UEA.

V.Aroloviĉ. La Prezidanto de TEJO Flora Szabó-Felsö promesis por la sekva jaro delegi D.Cibulevskij anstataŭ A.Gonĉarov.

D.Cibulevskij. La kontaktoj kun TEJO konsistas el ne tre oftaj leteroj. La Ĝenerala Sekretario Brunetto Casini petis raportojn pri SEJM.

V.Samodaj. Ĉu ne eblas, ke TEJO-estraro informu al KMO pri sufiĉe forta E-movado en Sovetio kaj petu pri partopreno de sovetiaj E-istoj en TEJO-kongresoj.

D.Cibulevskij. Mi tion proponos havonte liston de dezirantoj veturi eksterlanden.

V.Ŝilas. Nepre estas bezonata listo de SEJM-delegitoj por kontakto de venontaj eksterlandanoj kun lokaj E-istoj.

D.Cibulevskij. Estas kontakto kun UEA, sed partopreno de UEA-kongresoj en kapitalismaj landoj estas dubinda.

B.Kolker. rakontas pri nuna stato en UEA, pri la lasta elekto de B-komitatanoj, inter kiujn trafis ankaŭ li, proponas ellabori konkretan direkton de kunlaboro ~~ĉe~~ kun UEA.

V.Ŝilas. Ni devas pli multe kunlabori kun UEA. Eble ni sukcesos eldoni SEJM-dokumentojn.

D.Cibulevskij. Ĉu ni ne rekomencu kolektadon de fotoj pri monumentoj al sovetiaj kaj rusaj homoj eksterlande?

V.Ebel. Oni povus prepari ekspozicion por la tuta SEJM, kaj ĝin uzu ĉiuj urboj. Barnaulanoj pretas prilabori la ricevotan materialon.

V.Ŝilas. Plej efike influas informado, kiun faras eksterlandanoj, ĉu ni ne faru sammaniere: kiam venas eksterlandanoj, propagandi E-on inter ili, preparinte informfoliojn en ilia nacia lingvo?

V.Aroloviĉ. Ankaŭ eksterlandaj E-istoj povas fari same por niaj turistoj.

V.Ebel. Se ni uzos niajn 1500 korespondligojn kun 40 landoj kaj al ĉiu korespondamiko faros la samajn demandojn, ni havos riĉegan materialon por artikolo. Tiujn respondojn oni kolektu kaj analizu en iu urbo respondeculo.

G.Gercikov. Interesajn leterojn necesas aperigi en lokaj presoj.

A.Melnikov(Rostov-Don). Lokaj redakcioj nevolonte akceptas E-materialojn, sed, se tiuj estas ligitaj kun iu grava festo, ili volonte estas prenataj.

D.Cibulevskij. Necesas organizi gratulojn flanke de SEJM-anoj al eksterlando okaze de gravaj festoj kaj datoj.

A.Vizgirdas. Necesas aperigi en "A" kalendaron de gravaj festoj en la mondo, necesas fari liston de ĝemelurboj kaj ekspozicii pri ili.

V.Bingelis. Tiajn ekspoziciojn oni faru en regiona skalo, por la tuta Unio ili estas tro grandaj.

Temo: KONTAKTOJ KUN OFICIALAJ INSTANCOJ

Raportas la SEJM-Prezidanto V.Arolović.

En marto enpostenigis nova sekretario de E-komisiono en SSOD. Okazis reelekta kunveno, preskaŭ sen aliurbanoj. Laŭ propono de moskvaj E-istoj estis plivastigita konsisto de la komisiono, ĝin eniris pluraj SEJM-aktivuloj. En kadro de la komisiono estas organizitaj 7 sekcioj. Enigo de aliurbanoj en la komisionon estis nur formala. La rilato de SSOD al E restas sama, tamen tiujn interrilatojn ne necesas rompi. Estis provo organizi delegacion al la TEJO-kongreso.

En KMO nun laboras nova homo anstataŭ Grigorjev, foririnta al la Pacdefonda komitato.

V.Samodaj. Pri la abonkampanjo: plimultigo de la abonebla nobro ne okazos. En la abonlisto estas farita kelka ŝanĝo.

B.Kolker. Ĉu eblas starigi demandon pri aliĝo de SSOD al UEA kiel asocia membro?

V.Samodaj. SSOD estas kontraŭ grupa aliĝo.

KAMPANJO "ELDONEJOJ"

B.Kolker. La kampanjo estas komencita post la pasintjara Konferenco. Estis indikitaj 22 eldonejoj, entute devus esti dissenditaj ĉirkaŭ 1000 leteroj.

Kvina tago - 8.8.75

D a ŭ r i g o

V.Arolović. Ĉ. 10 kluboj donis respondojn pri la rezultoj de la leterkontaktoj. Jen kia bildo:

-"Agentstvo peĉati Novosti" - nehavas taskon eldoni;

-"Visŝaja ŝkola" - "Se vi bezonas lernolibron, turnu vin al la Ministerio;";

-"Znanije" - komprenas signifon de E-lernolibro, sed ne havas eblecon eldonadi;

-"Izvestija" - leterfako ĝuste ne respondis. Pli postaj respondoj estas pli detalaj;

-"Kniĵnoje obozrenie" - dum la proksimaj 3-4 jaroj intencas eldoni nenion;

-"Meĵdunarodnije otnoŝenija" - ekzistas malfacilaĵoj, ne povas respondi certe;

-"Komitet po delam izdatelstv ..;" ne planas eldonon de E-literaturo.

Generale eldonejoj ne planas eldonon de E-lernolibro kaj E-literaturo. Necesas daŭrigi la kampanjon.

A.Melnikov. Mi dum 2 jaroj korespondas kun "Komsomolskaja pravda" kaj fin-fine ricevis pozitivan respondon.

B.Kolker. Necesas daŭrigi la kampanjon eldonejoj kaj komenci leteratakon de oficialaj instancoj.
V.Arolović. Oni sendu leterojn al instancoj havante seriozajn demandojn kaj konkretajn proponojn.
Decido de la Konferenco: la kampanjon "Eldonejoj daŭrigi, kontakti letere oficialajn instancojn havante konkretajn proponojn plifirmigi kontaktojn kun lokaj pacdefandaj organizaĵoj.

Raporto: ROSTOV-DON (A.Melnikov). En la klubo estas 43 membroj, ne ĉiuj aktivas, funkciis E-kurso, kontaktoj kun oficialaj instancoj estas bonaj. La loka preso volonte akceptas leteran materialon. Estis prelego pri Jugoslavio enhavanta informon pri E, okazis vespero kun eksterlandaj studentoj. La klubo estas junulara.

SCIENC-TEKNIKA FAKO - raportas A.Gonĉarov.
Mi organizis kunsidojn de sciencistoj kaj teknikistoj, enskribis ĉ. 100 proponojn, ideojn kontaktiĝis al ISAE, CET de UEA, Ĉeĥa scienc-teknika fako ktp. Oni elektis min kiel sekretario de la kemia sekcio de ISAE. Mi komencis kolekti adresojn de E-sciencistoj, faris viziton al VINITI, preparis por SEJT ekspozicion de scienc-teknikaj libroj kaj prelegon por la E-Universitato.
Mi proponas taksi la kontribuon de Vilnius per 10 poentoj, de Tiĥvin per 20, ceteraj kluboj ne reeĥis.
V.Silas. La fako laboris ne tiel,kiel necesis. Ĝi aktivis nur en la lastaj monatoj. ~~La laboro de la fako estas taksita per 30 poentoj~~
La laboro de la fako estas taksita per 30 poentoj.

Temo: FINANCA STATO DE SEJM

Raportas la v/p pri financaj aferoj N.Cvileneva.
Mi okupiĝis pri financaj aferoj unu jaron. De la antaŭulo mi longe ne ricevis raporton pri la financa stato en SEJM. La ĉefaj elspezoj en la pasinta jaro estas faritaj pro multobligo kaj dissendo de "Aktuale", kompilo kaj dissendo de informkolektoj, aĉeto de kelkaj tendoj al SEJM kaj aldonaj poŝtelspezoj. Nune ĉe UEA troviĝas 26 rb., ĉe Hungara EA - 95,78 rb., en Leningrad - 41,46 rb., en Moskvo - 75.
G.Gercikov. Oni povas profiti: aĉetinte produktitajn en Alma-Ata E-insignojn kontraŭ SEJM-mono laŭ la ŝtata prezo vendi ilin en tendaro laŭ pli alta prezo. Alma-Ata en la sekva jaro povas eldoni ankoraŭ insignojn en granda kvanto.
Propono. Krom la kasisto estu ankoraŭ 2-3 kontrolantaj personoj.
La propono estas akceptita.
T
Temo: INTERNA INFORMADO EN SEJM

Raportas v/p pri interna informado V.Ebel - redaktoro de "Aktuale".
En la raportata periodo estis pretigitaj 12 numeroj de "A", el ili 2 numeroj - duoblaj, 1 - ekstervica, 3-foje aperis aldona informfolio. En la pasinta periodo estis publikitaj entute 184 kontribuaĵoj. Ĉ. 15 artikoloj ne estis publikitaj pro diversaj kaŭzoj. Ĉi-jare la enhavo pli variis, pli aktive elpaŝis SEJM-subtenantoj. Pozitivaj flankoj: la bulteno aperadis pli-malpli regule; riĉa kaj interesa enhavo; centraliza dissendado. Negativaj flankoj kaj malfacilaĵoj: ofta malfruiĝo de la bulteno; malaktualiĝo de kelkaj ofte gravaj informoj pro netuja publikigo; foresto de ruslitera tajpili; troa okupateco (redaktoro, prezidanto de la klubo, gvidanto de E-kurso); respondis nur ĉ. trionon de respondendaj leteroj; laboris preskaŭ sola.
D.Cibulevskij. Devas esti ankaŭ helpantoj krom la redaktoro.
A.Gonĉarov. Necesas pli severe redakti kaj mallongigi la enhavon.
A.Melnikov. Ĉu ne eblas plirapidigi informadon ekster "A"?

V.Ebel. Ne estas tiaj eblecoj. Pri dissendado de urĝaj informoj kluboj zorgu mem.

D.Cibulevskij. Mi petas pli atente tralegi la anoncon pri ricevado de "A".

V.Ebel. Ĉu estas bezono levi kaj diskutigi en "A" grandampleksajn problemojn kiel tiu pri neologismoj? Ĉu malfermi malgrandan rubrikon "Lingvaj demandoj"?

Ĉies opinio. Diskutindajn demandojn kiel tiu pri neologismoj ne levi, malfermi lingvan rubrikon.

INFORMA KOLEKTO

Raportas T.Bercis.

Estis dissenditaj 4 kolektoj. La ricevata kvanto de ĵurnaloj ofte ne sufiĉas por ĉiuj SEJM-kluboj, estas tre malnovaj artikoloj. Abundas artikoloj pri SEJT, estas malfacilaĵoj pri elaĉeto de ĵurnaloj.

A.Gonĉarov. Oni sendu informan kolekton laŭ la rezultoj de la socialisma konkurado.

V.Ŝilas. Escepton necesas fari por la klubo de Velikie Luki, kiu kolektas kaj bindas ĉiujn ĵurnalojn en albumojn.

B.Kolker. Por unu kolekto estas donata nur unu poento, tio estas tre malmulte.

V.Aroloviĉ. Necesas levi la rolon de informa kolekto kaj ĝian redaktoron taksi kiel estron.

"AMIKECO"

Informas G.Gercikov.

"Amikeco" estas dissendata al tiuj, kiuj sendis monon. Multaj ricevantoj estas soluloj. A.Rogov petas SEJM-on, ke "Amikeco" estu abonata de kluboj. Estas malfacilaĵoj kun multobligo, Rogov petas pri helpo.

Resumo: SEJM nun ne havas eblecojn por multobligo de "Amikeco".

D.Cibulevskij. Al Rogov venadas ne klare skribitaj materialoj, li petis, ke ĉiu manuskripto estu jam redaktita en la klubo kaj havu subskribon de la SEJM-reprezentanto.

Temo: SEKRETARIAJ AFEROJ. SEJM-SUBTENANTOJ. REZULTOJ DE LA SOCIALISMA KONKURADO

Raportas la v/p pri sekretariaj aferoj V.Ŝilas.

Nun SEJM havas 33 subtenantojn. En la pasinta periodo kreskis la kvanto de korespondligoj, de faritaj prelegoj. Ne ĉiuj kluboj ĝustatempe raportis, pluraj kluboj tute ne raportis. Pro nedisciplineco de la klubo de Ivanovo kaj Riga estas forprenitaj respektive 15% kaj 10% da poentoj. Kompare kun la pasinta jaro en SEJM preskaŭ ne estas ŝanĝoj, kreskis nur aktiveco. La suma kvanto de perlaboritaj poentoj en 1973 estis 15855, 1974 - 20037, 1975 - 25335. La kluboj de Tbilisi, Sverdlovsk, Taŝkent, Sterlitomak, Kolomna tute ne prezentis raportojn, ilia poentokvanto estas 0.

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 40. Mahaĉkala | 135 | 26. Liepaja | 331 | 12. Viljandi | 673 |
| 39. Zaporoĵje | 141 | 25. Kiev | 337 | 11. Tiĥvin | 770 |
| 38. Doneck | 150 | 24. Siktivkar | 352 | 10. Leningrad | 772 |
| 37. Velikie Luki | 150 | 23. Talgar | 354 | 9. U-Kamenogorsk | 794 |
| 36. Soĉi | 182 | 22. Kaunas | 414 | | |
| 35. Tallin | 202 | 21. Krasnojarsk | 503 | 8. Ĥarkov | 825 |
| 34. Novomoskovsk | 203 | 20. Meĵdureĉensk | 517 | 7. Ivanovo | 992* |
| 33. Kedainiai | 204 | 19. Tjumenj | 541 | 6. Vilnius | 1363 |
| 32. Kapsukas | 221 | 18. Moskvo | 545 | 5. Klaipeda | 1402 |
| 31. Birsk | 247 | 17. Miass | 566 | 4. Poltava | 1614 |
| 30. Ĥmelnickij | 260 | 16. Rostov-Don | 574 | 3. Barnaul | 1674 |
| 29. Celabinsk | 297 | 15. Omsk | 619 | 2. Riga | 1732** |
| 28. Tula | 302 | 14. Salavat | 622 | 1. Ufa | 2913 |
| 27. Kujbiŝev | 321 | 13 Novosibirsk | 669 | | |

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 10. Leningrad | 772 | 6. Vilnius | 1363 | 3. Barnaul | 1674 |
| 9. U-Kamenogorsk | 794 | 5. Klaipeda | 1402 | 2. Riga | 1732* |
| 8. Ĥarkov | 825 | 4. Poltava | 1614 | 1. Ufa | 2913 |
| 7. Ivanovo | 992* | | | | |

En la unuaj 7 kluboj je unu kluba aktivulo estas

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| en Ufa | 132 poentoj | Poltava | 43 " | Vilnius | 104 " |
| " Riga | 128** " | Klaipeda | 35 " | Ivanovo | 77** " |
| Barnaul | 84 " | | | | |

La kluboj okupintaj la unuajn tri lokojn estas premiataj per librodonacoj, kaj la klubo de Ufa la trian fojon okupinta unuan lokon ricevas por eterna konservo la Zamenhof-pokalon.

Preskaŭ ĉiuj kluboj kandidatoj superplenumis la minimumon de 100 poentoj kaj transiras al la kategorio "Aliĝintoj".

Ĉe voĉdonado oni anoncis ekster SEJM Tbilisi pro neplenumo de la minimuma kvanto da poentoj, konfirmis Kolomna kaj Sverdlovsk ekster SEJM.

Sterlitomak - lasi kiel kandidato sub aŭspicio de Ufa.

Taŝkent - lasi en SEJM kandidate.

Rezulte estas 40 aliĝintaj kluboj kaj 3 kandidatoj. La Konferenco decidis riproĉi al Kedainiai, Velikie Luki kaj atentigi al Tula.

D.Cibulevskij. Pri disciplino de raportsendado: estas bezonata preciza dato.

P.Jegorovas. La plej fortaj kluboj komencis "ĉasi" poentojn. Estas propono, ke elektota komisiono kontrolu la ~~prezentitajn~~ raportojn.

V.Ŝilas. Pasintjare estis kontrolita unu klubo, kaj la rezultoj pravigis la supozon.

Konkluda parolo de V.Aroloviĉ.

La ĉefa kunlaboro en la SEJM-komitato estas cirkuleraj leteroj. En ĉi-jaro estis levitaj kaj pridiskutitaj ĉ. 50 demandoj pri SEJM-agado. Regule respondadis cirkulerajn leterojn M.Bronŝtejn. La Komitato ne sufiĉe atentis la fakan agadon. Estas propono likvidi la postenon de v/p pri lernejaj aferoj, ĉar la afero pri instruado de E en lernejoj stabiliĝis, en Sovetio estas sekcio de ILEI.

P.Jegorovas. Eblas organizi fakon pri lernejaj aferoj aŭ komisionon. Ĉu ni ne relegu la decidojn de la pasintjara Konferenco kaj kontrolu ilian plenumon?

Estas relegataj la Decidoj kun priparolo de pluraj punktoj.

REELEKTO DE SEJM-KOMITATO KAJ FAKESTROJ

PREZIDANTO
Kandidatoj: V.Aroloviĉ -21 voĉoj;
A.Gonĉarov - 5 voĉoj;
P.Jegorovas - 1 voĉo.

UNUA VICPREZIDANTO
D.Cibulevskij - unuanime.

VICPREZIDANTO PRI SEKRETARIAJ AFEROJ
Kandidatoj: V.Ŝilas - 9 voĉoj;
P.Jegorovas - 13 voĉoj;

VICPREZIDANTO PRI FINANCAJ AFEROJ
Kandidatoj: S.Smetanina (Ŝuja) - 4 voĉoj;
A.Vizgirdas - 5 voĉoj;
A.Meknikov - 17 voĉoj.

VICPREZIDANTO PRI FAKAJ AFEROJ AFEROJ
N.Cvileneva - per plimulto da voĉoj.

VICPREZIDANTO PRI RENKONTIĜOJ
M.Bronŝtejn - unuanime.

VICPREZIDANTO PRI INTERNA INFORMADO
V.Ebel - per plimulto da voĉoj.

---

* Post la forpreno de la punpoentoj.

** Inkluzive la punpoentojn.

Bibliografia fako - V.Cvetkova (Leningrad), per plimulto da voĉoj.
Gazetara servo per plimulto da voĉoj estas likvidita.
Historia fako
Kandidatoj: A.Ĥarkovskij (Moskvo) - 19 voĉoj;
M.Belogolovskij - 2 voĉoj.
Kanta fako - A.Vizgirdas, per plimulto da voĉoj.
Koresponda servo - S.Neilande (Riga), per plimulto da voĉoj.
Lumbilda sevo - S.Kotlarov (Meĵdureĉensk), per plimulto da voĉoj.
Magnetofona servo
Kandidatoj: A.Nogov (Ĥmelnickij) - 2 voĉoj;
S.Sadauskis (Klaipeda) - plimulto.
Metodika fako
Kandidatoj: A.Rogov
B.Kolker - unuanime.
Naturamika fako - A.Kilk (Tallin), per plimulto da voĉoj.
Poezia fako - D.Lukjanec (Barnaul), per plimulto da voĉoj.
Radioamatora fako -
Kandidatoj: G.Jaskov - 21voĉoj;
V.Ŝilas - 2 voĉoj.
Scienc-Teknika fako - A.Gonĉarov, unuanime.
Traduka fako - V.Samodaj, unuanime.

A.Gonĉarov. Mi proponas aligi SESIE al SEJM kaj fondi scienc-esploran fakon. Propagando de E lamas. Ĉe oficialaj kontaktoj ni ne havas sciencajn faktojn por prezentado. Estas farataj kursaj, diplomaj laboroj, sed tiun iniciaton necesas kordini kaj direkti. En eksterlando estas gravaj verkoj,kiujn ni ne studas.

Per plimulto da voĉoj estas fondita S c i e n c - e s p l o r a fako kaj kiel estro unuanime estas elektita V.Ŝilas.

Estas propono fondi I n f o r m a n servon, kies tasko estas: kolekti diversajn materialojn, kompili ilin kaj dissendi al kluboj. La propono estas akceptita kaj kiel estro estas elektita T.Bercis.

Estas propono de Banilaitis (Klaipeda) enkonduki fakon de Esperantaĵo-kolektantoj. La propono estas akceptita per plimulto da voĉoj, kiel estro estas proponita k-do Banilaitis.

Laŭ propono surbaze de la estinta posteno de la v/p pri lernejaj aferoj estas fondita L e r n e j a fako, kiun estru N.Starodubcev (Doneck) - per plimulto da voĉoj.

Estas fondita L i b r o s e r v o - provizore ĝin estru kaj koordinu la libroliveradon la SEJM-kasisto.

Kiel revizoron pri financaj aferoj unuanime estas elektita A.Vizgirdas.

La konsilantaro pritaksis la laboron de la Komitato "kontentige" per 8 voĉoj, "bone" - per 11 voĉoj.

T.Loskutova. Mi proponas ĉi-jaran socialisman konkuradon dediĉi al la 10-jariĝo de SEJM.

Estas aŭskultataj Decidoj de la Konferenco, pridiskutataj kaj farataj kelkaj ŝanĝoj kaj aldonoj. La Decidoj estas akceptataj kiel tuto per plimulto da voĉoj.

Estas farataj ŝanĝoj en la konsisto de la Tendara Komitato: anstataŭ V.Ebel kaj E.Perevertajlo estas enelektataj A.Kogan kaj V.Ŝilas.

Protokolis: M.Urbanaviĉiute (Vilnius)
G.Grabeĵite (Vilnius)
R.Citlau (Ust-Kamenogorsk)
V.Kazanova (Barnaul)

14.8.75

POSTKONFERENCA KUNVENO DE LA SEJM-KONSILANTARO

Raporto de nealiĝinta grupo: LIPECK(V.Sibircev).

En la grupo estas ĉ. 30 komencantoj, instruas k-do Kornilov. La

grupo renkontiĝas ĉiusemajne. Ĉi-jaran E-kurson finis 6. homoj. La klubo havis kunsidon kun kelkaj eksterlandanoj, faris prelegon pri E.

V.Aroloviĉ. Ni devas pridiskuti, kiel aspektas SEJT laŭ sistemo 5+10 tagoj.

V.Ŝilas. Estas malfacile fari konkludojn, ĉar la eksperimento estas fuŝita nekompreneble pro kiuj kaŭzoj.

A.Gonĉarov. Ĉu en la sekva tendaro estos du programoj por aktivuloj kaj por la komencantoj aŭ komuna?

V.Ŝilas. Devas esti komuna programo, ĉar komencantoj jam trapasos la paroligan periodon.

A.Gonĉarov. Mi proponas fari por la sekva tendaro eksperimentan grupon el 20 [illegible] komencantoj, kun kiuj fondi apartan mikrotendaron.

G.Gercikov. Devas okazi unu tendaro post alia: la unua por komencantoj, la dua por aktivuloj. La plej aktivaj komencantoj povas partopreni ankaŭ la duan tendaron.

L.Novikova. Estas pli facile organizi preparan periodon en regiona skalo ol en la tutsovetia. SEJT estu nur por aktivuloj, komencantoj ne rajtu ĝin partopreni.

Estas du proponoj:

de V.Ŝilas: komencantoj okupiĝu aparte, paralele kun la Konferenco, sed aliloke - 12 voĉoj;

de L.Novikova: apartaj regionaj tendaroj por komencantoj kaj aparta tutsovetia por aktivuloj - 10 voĉoj.

V.Aroloviĉ. Sinproponis kiel organizontoj de SEJT-18 Tiĥvin, Vilnius, Taŝkent. Taŝkent transiris al la kategorio de kandidatoj, pro tio ne rajtas organizi tendaron.

A.Kogan. Ebleco por organizi SEJT estas, la kondiĉoj estas bonaj, leningradanoj pretas helpi.

P.Jegorovas. Ebleco organizi tendaron estas, sed ĝenerale la kondiĉoj en Litovio ne estas sufiĉe favoraj. Krome, venontjare en Litovio devos okazi BET.

Estas decidite konfirmi Tiĥvin kiel urbon-Mastron por SEJT-18, rezerva varianto - Vilnius.

Oni komisias esplori eblecojn por organizo de SEJT-19 al la urboj Ufa, Ĥarkov, Miass.

T.Bercis. Kiel statas la afero kun E-SKT?

T.Loskutova. Ivanovo esploros eblecojn por organizi ĝin.

Protokolis: V.Kazanova (Barnaul);
R.Citlau (Ust-Kamenogorsk).

## D E C I D O J
## DE LA SEJM-KOSILANTARO

### I

1.Konfirmi kiel venkintojn de la socialisma konkurado respektive la klubojn de UFA, RIGA kaj BARNAUL, premii ilin. Restigi por ĉiam la Zamenhof-pokalon ĉe la klubo de Ufa.

2.Esprimi laŭdojn al la kluboj, (okupintaj) la 1-10 lokojn en la socialisma konkurado, nome: Ufa, Riga, Barnaul, Poltava, Klaipeda, Vilnius, Ivanovo, Ĥarkov, Ust-Kamenogorsk, Leningrad.

3.Distingi la klubon de Salavat, okupintan la 1-an lokon inter la kluboj kandidatoj, per librodonaco.

4.Noti, ke la kandidataj kluboj de Birsk, Kapsukas, Kiev, Meĵdureĉensk, Novomoskovsk, Rostov-Don, Salavat, Siktivkar, Tjumenj, jam en la unua duonjaro de kandidateco superplenumis la minimuman normon de aktivado, kaj promocii ilin al la kategorio "aliĝintaj kluboj".

5.Konsideri la raportitan laboron de Krasnojarska E-grupo kaj akcepti ĝin al SEJM kiel aliĝintan klubon.

6.Transigi pro nesufiĉa aktivado kaj manko de disciplino al la kategorio "kandidatoj" la klubojn de Sterlitomak kaj Taŝkent.

7.Riproĉi pro maldiligenteco la E-klubojn de Kedainiai kaj Velikie Luki.

8.Konfirmi kandidatiĝon de la grupo en Sizranj.

9.Anonci esti ekster SEJM la urbojn Kolomna, Sverdlovsk kaj Tbilisi.

10.Taksi la laboron de la Komitato "bone".

11.Aprobi la financan raporton de la vicprezidanto pri financaj aferoj.

12.Elekti la novan SEJM-Komitaton en jena konsisto:
Prezidanto - V.Arolviĉ;
Unua vicprezidanto - D.Cibulevskij;
Sekretario - P.Jegorovas;
vicprezidantoj pri:
fakoj - N.Cvileneva;
financoj - A.Melnikov;
interna informado - V.Ebel;
renkontiĝoj - M.Bronŝtejn.

13.Elekti kiel financan revizoron k-don A.Vizgirdas.

14.Nuliĝi la Gazetaran servon.

15.Starigi jenajn fakojn kaj servojn: Kolektantan, Lernejan, Scienc-esploran, Informan.

16.Konfirmi gvidantojn de la fakoj/servoj:

| | |
|---|---|
| Bibliografia - V.Cvetkova; | Historia - A.Ĥarkovskij; |
| Informa - T.Bercis; | Kanta - A.Vizgirdas; |
| Kolektanta - V.Baninlaitis; | Korespondа - S.Neilande; |
| Lerneja - N.Starodubcev; | Lumbilda - S.Kotlarov; |
| Magnetofona - S.Sadauskis; | Metodika - B.Kolker; |
| Naturamika - A.Kilk; | Poezia - D.Lukjaneс; |
| Radioamatora - G.Jaskov; | Sciencesplora - V.Ŝilas; |
| Scienc-Teknika - A.Gonĉarov; | Traduka - V.Samodaj. |

17.La novkonsista Komitato kaj novaj fak-servoestroj plenrajtiĝas ekde la 1-a de septembro.

18.Konsideri la agadjaron 1975/76 jubilea kaj komisii al la Komitato ellabori planon de respektivaj aranĝoj.

19.Konsideri grava agaddirekto sciencesploran laboron pri E-to kaj laboron "Esperanton en sciencon".

20.Komisii al la Komitato fari necesajn ŝanĝojn en la Taksa demandaro.

21.Konfirmi la nove ellaboritan SEJT-Regularon kun proponitaj ŝanĝoj kaj aldonoj.

22.Komisii al la SEJM-Komitato ellabori projekton de nova SEJM-Regularo.

23.La kluboj vastigu kontaktojn kun lokaj pacdefendaj organizaĵoj.

24.La kluboj daŭrigu leterkontaktojn kun oficialaj instancoj laŭeble kun konkretaj proponoj. Ankaŭ eluzi eksterlandan korespondadon.

25.Rekomendi al la Komitato SEJM-skale utiligi la privatajn kaj klubajn eksterlandajn ligojn.

26.Komisii al k-do B.Kolker, komitatano de UEA, reprezenti interesojn de SEJM ĉe UEA.

27.Rekomendi al la kluboj elekti SEJM-delegitojn kaj anonci ilin ĉe la Komitato.

28.Rekomendi alla kluboj pliofti gi informadon al la eksterlanda gazetaro pri la agado de sovetaj E-istoj.

29.Proponi al la kluboj organizi propagandon de Esperanto inter eksterlandanoj venantaj al Sovetunio.

30.Rekomendi al la kluboj informadi la Korespondan servon pri la uzitaj adresoj.

31.Rekomendi al la fak- kaj servoestroj organizi ĉe la fakoj kaj servoj laborgrupojn.

32.Rekomendi al la Regionaj komitatoj, al la kluboj zorgi pri organizita traduklaboro en siaj respublikoj.
33.Rekomendi al la kluboj proponadi al la SEJM-Komitato novajn agadiniciatojn.
34.Atentigi la klubojn pri neceso reagi alvokojn, aperantajn en en "Aktuale".
35.Rekomendi al la kluboj aktive uzi en gazetaro materialojn de eksterlanda korespondado.
36.Malrekomendi al la kluboj eldonadi regulajn interurbajn informilojn kaj proponi sendadi la informojn al "Aktuale".
37.Emisii novan alvokon por subteno de SEJM.
38.Prepari instrukcian leteron por subtenantoj.
39.Komisii kontroli plenumon de tiuj-ĉi Decidoj al la Prezidanto de la SEJM-Konsilantaro.

Ajuda, la 9-an de aŭgusto 1975. La 9-a Konferenco de la SEJM-Konsilantaro

II

1.Konfirmi kiel Klubon-Mastron de SEJT-18 la klubon de Tiĥvin kaj kiel Klubon-Dublanton - tiun de Vilnius.
2.Rekomendi kiel Klubojn-Esplorantojn por organizo de SEJT-19 la klubojn de Miass, Ĥarkov, Ufa.
3.La tendaro havu 5-tagajn antaŭprepaŝajn grupojn, kiuj funkciu samtempe kun la SEJM-Konferenco, sed aliloke de ĝi.

Ajuda, la 14-an de aŭgusto 1975. La postkonferenca kunveno de la SEJM-Konsilantaro

R E G U L A R O
de Sovetia Esperantista Junulara Tendaro

I. SEJT. ĜIAJ CELOJ

I.1. Sovetia Esperantista Junulara Tendaro (SEJT) estas ĉiujara somera renkontiĝo de junaj esperantistoj, organizata de Sovetia Esperantista Junulara Movado.
I.2. Per aranĝo de SEJT la Konsilantaro de SEJM celas:
-eduki junajn esperantistojn de Soveta Unio en la internaciisma spirito, aligi la junajn fortojn kaj entuziasmon al la batalo por la Paco;
- prepari junajn adeptojn de la Internacia Lingvo ideologie konvinkitaj, kleraj kaj spertaj; hardi novajn fortojn por Esperanto-agitado kaj instruado en Sovetio; plialtigi la lingvoscian nivelon de junaj esperantistoj;
- propagandi la Internacian Lingvon; pruvi utilon kaj vivecon de Esperanto por ties apliko en la scienca, arta, socia laboroj kaj interkomunikiĝo;
- starigi firmajn amikajn kontaktojn inter junularaj Esperanto-kluboj, praktike interŝanĝi sperton de kluba laboro.
I.3. La labora lingvo en SEJT estas Esperanto.

II. ORGANIZANTOJ

II.1. Organizo de SEJT estas komuna tasko de ĉiuj kluboj, aliĝintaj al SEJM.
II.2. Pri la organizaj demandoj de SEJT dumjare respondecas la vicprezidanto de SEJM pri E-renkontiĝoj.

II.3. La organizan kaj teknikan preparadon al SEJT surloke prizorgas Klubo-Mastro (KM), elektata inter la kluboj-aliĝintoj de SEJM. KM plene respondecas pri normalaj laborkondiĉoj por SEJT.

II.4. Koordinas kaj gvidas la prepariĝon de SEJM-kluboj por la tendaro la Tendara Komisiono, konsistanta el 3 personoj, nome: Prezidanto de la SEJM-Komitato, vicprezidanto pri renkontiĝoj, SEJM-reprezentanto de KM.

II.5. Por solvi lokajn demandojn KM formas Preparan Komitaton, kiu laboras sub gvido de la Tendara Komisiono.

II.6. Por gvido de la tendara programo la Konferenco de la SEJM-Konsilantaro elektas Tendaran Estraron el membroj de la SEJM-Komitato, Prepara Komitato kaj aliaj SEJM-aktivuloj, partoprenontoj la tendaron.

III. TEMPO. ELEKTO DE LOKO

III.1. La tempolimoj por SEJT estas elektataj inter la 15-a de julio - 20-a de aŭgusto. La tendaro daŭras 10-14 tagojn.

III.2. Lokon por SEJT rajtas prezenti ĉiu E-klubo, aliĝinta al SEJM. La Konsilantaro de SEJM dum ĉiu Konferenco akceptas sinproponojn de la kluboj-aliĝintoj pri prezento de loko por SEJT, okazonta post du jaroj. Ĉiuj sinproponintoj estas registrataj kiel Kluboj-Esplorantoj (KE).

III.3. Unu jaron poste la vica Konferenco de la SEJM-Konsilantaro post analizo de ĉiuj argumentoj, prezentataj de KE-oj, elektas inter ili kaj konfirmas KM por la sekva SEJT. La Konferenco konfirmas ankaŭ Kluben-Dublanton (KD), kiu kapablu anstataŭi KM en ekstrema okazo.

III.4. KM kaj KD ĝis la 15-a de januaro prezentas al la Tendara Komisiono detalajn raportojn pri eblecoj akcepti SEJT-on. Surbaze de la raportoj la Tendara Komisiono decidas pri daŭrigo de la preparado fare de KM aŭ petas la SEJM-Komitaton transdoni la rajtojn de KM al KD. Se nek KM nek KD pretas akcepti SEJT-on, la SEJM-Komitato rajtas elekti novan KM laŭ sia bontrovo.

IV. PROGRAMO

IV.1. La programo enhavas klerigajn, fakajn, artajn kaj sportajn aranĝojn, kiuj plene konformas al la celoj de SEJT.

IV.2. Ne anstataŭeblaj eroj de la programo de SEJT estas Esperanto-instruado en ĉiuj niveloj inkluzive la primovadajn kursojn.

IV.3. Projekton de la programo por SEJT kompilas la Prepara Komitato kun helpo de ĉiuj aliĝintaj kluboj.sub aŭspicio de la SEJM-Komitato kaj Tendara Komisiono.

IV.4. La Tendara Komisiono prezentas la projekton de la programo en la bulteno "Aktuale" por pridiskuto al ĉiuj SEJM-kluboj 2-3 monatojn antaŭ la komenco de la tendaro.

IV.5. La programon konfirmas la Konferenco de la SEJM-Konsilantaro surbaze de la projekto kun eventualaj aldonoj kaj ŝanĝoj. Se iuj eroj de la konfirmita programo ne povos okazi pro objektivaj kaŭzoj (vetero, manko de organizantoj k.s.), la Tendara Estraro rajtas anstataŭigi ili per aliaj eroj laŭ sia bontrovo.

V. INFORMADO

V.1. Sovetiaj esperantistoj ricevas informojn pri la vica SEJT el du informleteroj, eldonataj fare de la organizantoj.

V.2. La Tendara Komisiono anoncas pri komenco de aliĝado al SEJT per Informilo №1, publikata en la bulteno "Aktuale" ĝis la 1-a de aprilo. La informilo enhavas la aliĝkondiĉojn kaj la bazajn informojn pri la tendarloko kaj la programo. Suplemente estas publikata ankaŭ la listo de tendaraj laboroj. Aliĝiloj por partopreno en SEJT estas dissendataj al la SEJM-kluboj kaj laŭpete al nealiĝintoj.

V.3. Ĉiu aliĝinto ricevas kiel konfirmon de sia aliĝo ne malpli ol monaton antaŭ la komenco de la tendaro Informilon №2, eldonitan fare de la Prepara Komitato. La informilo enhavas precizajn informojn pri la trafiko uzebla por atingi la tendarlokon, tempo de alveno, kunprenendaj aĵoj ktp. kaj ankaŭ komisiojn al la aliĝinto. Estas rekomendinde aldoni al la informletero koncizan tendaran programon-tagordon.

VI. PARTOPRENANTOJ

VI.1. La tendaron rajtas partopreni:
a) anoj de SEJM-kluboj aŭ subtenantaj kluboj, havantaj rekomendon de membro de la SEJM-Konsilantaro aŭ esceptokaze de la klubestro;
b) aliaj esperantistoj en aĝo ĝis 40 jaroj, havantaj rekomendon de membro de la SEJM-Konsilantaro aŭ esceptokaze de la klubestro;
Ĉiuj aliĝintoj devas esti parolkapablaj esperantistoj. La kluboj plene respondecas pri la lingva nivelo kaj disciplino de la rekomenditoj.
VI.2. Estas permesataj esceptoj pri la parolkapablo kaj aĝo al senmovadaj lokoj por ne pli ol po 3 personoj kun bazaj konoj de la lingvo.
VI.3. Subtenantaj kluboj rajtas sendi al SEJT en la aĝo super 40 jaroj ne pli ol po 3 personoj.
VI.4. Sen rekomendo rajtas veni al SEJT:
a) membroj de la SEJM-Konsilantaro;
b) honoraj aktivuloj de SEJM;
c) personoj, invititaj de la SEJM-Komitato;
d) individuaj subtenantoj de SEJM.
VI.5. Ĉiu partoprenanto devas aktive partopreni la tendaran programon, zorgi pri altigo de sia lingva nivelo kaj subiĝi al la tendara tagordo. La personoj, neglektantaj ĉi-tiun postulon, povas esti forigataj el SEJT laŭ decido de la Tendara Estraro.

VII. POSTTENDARAJ DEVOJ DE LA KLUBO-MASTRO

VII.1. La aliĝiloj, restintaj ĉe KM, estas transdonendaj al la SEJM-arkivo ĝis la 15-a de oktobro.
VII.2. Surbaze de la aliĝiloj KM preparas adresaron de SEJT kaj dissendas ĝin al ĉiuj partoprenintoj de la tendaro ĝis la 15-a de novembro.
VII.3 Post la fino de ĉiuj monabezoj KM prezentas financan raporton al la SEJM-Komitato ĝis la 15-a de decembro. Eventuala profito estas transdonenda al la SEJM-fonduso; eventualan malprofiton kovras SEJM.

(Akceptita dum la 9-a Konferenco de la SEJM-Konsilantaro)

KALENDARO DE RENKONTIĜOJ por la 1975 jaro

ĈEBALTIO
Oktobro. La 3-5-an. Literatura renkontiĝo "MUZO-75" (Vilnius).
Oktobro-novembro. "Ora folio - 75" (Riga E-klubo).
Novembro. La 7-9-an. Regiona renkontiĝo ĉe Minsk (turnu vin al apudminska SEJM-subtenanto A.Pavlukovec)
Decembro-januaro. La 31-1-an. Novjara renkontiĝo (Vilnius)

CENTRO-RUSIO
Novembro. La 7-9-an. Regiona renkontiĝo en Moskvo (povas ne okazi).

UKRAINIO
Septembro. Turista ekskurso laŭ la Gogolj-lokoj en la Poltava regiono.
Novembro-decembro. Regiona renkontiĝo en Doneck. (Informas J.Muraŝkovskij: 339010 Makejevka, str. Sovetskaja, 203, ĉ.6).

VOLGO-URALO La 7-9-an de novembro REVU-12 en Ufa (Ufa E-klubo).

SIBERIO La 7-9-an de novembro OSER-25 en Barnaul (Barnaula E-klubo).